# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

15. Jahrgang | Nr. 96 (4/1979) | 30 Pf





## *Turnopunkto en la germana historio*

„Parolante pri la turnopunkto en la germana historio, kio estiĝis la 7a de oktobro 1949 — jaro de la fondiĝo de Germana Demokratia Respubliko — ni precipe volas elstarigi jenajn faktojn:

- **Unuafoje fondiĝis germana ŝtato, kies vojo kaj celo respondas al nia epoko, al la epoko de la tutmonda transiro de kapitalismo al socialismo, kiu estas enkondukita per la Granda Socialisma Oktobra Revolucio.**
- **Unuafoje sur germana tero ekestis ŝtato de laboristoj kaj kamparanoj, reprezentanta la interesojn de la tuta laborula popolo — en formo de diktaturo de la proletaro — ŝtato, en kiu nia popolo firme prenis sian sorton en la proprajn manojn.**
- **La fondo de GDR reflektis profundan ŝanĝon de la internacia proporcio de la fortoj, ŝanĝo, antaŭ ĉio elbatalita per la venko de Sovetunio super la hitlerfaŝismo.**
- **La fondo de GDR estas grava ĉenero en la revolucia proceso tutmonda, proceso, kondukinta al la elformiĝo kaj firmiĝo de la tutmonda socialisma sistemo.**
- **Per la fondo de GDR en la koro de Eŭropo ekestis germana ŝtato kiel fortikaĵo de la paco, speciale kontraŭ tiuj, kiuj ankoraŭ emas denove konkeri la orienton.**

Ĉiuj tiuj faktoj pruvas, ke la fondo de la Germana Demokratia Respubliko estis peza malvenko de la germana imperiismo."

*(El la „Alvoko okaze de la 30a datreveno de la fondiĝo de Germana Demokratia Respubliko")*

# Kontraŭ la rasismo

Unu el la skurĝoj de la homaro estas rasismo kaj rasa diskriminacio. Konataj kaj ĉiutage denove diskonigataj estas la faktoj pri la instutigita brutala rasisma reĝimo de apartismo en Suda Afriko pri la blankula reĝimo en Sudrodezio, pri la diskriminacio de usonaj nigruloj („Wilmington 10") kaj indianoj, pri la ekflorado de diversspeciaj neofaŝismoj i. a. en FRG, Italio kaj USONO. Ni scias pri la liberiga batalo de la popoloj de Namibio kaj Simbabvo. Kaj ni scias pri la diskriminacio de eksterlandaj laboristoj en diversaj okcidenteŭropaj landoj, kio ankaŭ estas esprimo de difinita rasismo. Ni scias pri tiuj faktoj el niaj nacilingva gazetaro kaj ankaŭ trovas en UNESKO-materialoj abundajn informojn. La Unuiĝintaj Nacioj en la jaro 1973 deklaris la sekvajn 10 jarojn (ĝis 1983) la dekadon de la batalo por forigo de la rasisma barbareco.

Unu kulmino en tiu dekado sendube estis la monda konferenco de UN, kontraŭ rasismo kaj rasa diskriminacio, kiu okazis de 14. — 26. aŭgusto 1978 en Ĝenevo (Genf).

Ĉirkaŭ 100 ŝtatoj, pli ol 40 internaciaj institucioj, neŝtataj organizaĵoj kaj liberigaj movadoj partoprenis tiun gravan forumon. Malgraŭ obstrukcioj de NATO-ŝtatoj — USONO kaj Israelo entute ne partoprenis la konferencon — oni akceptis pli ol 20-paĝan dokumenton, kiu i. a. postulas la senkondiĉan plenumon de la UN-decidoj kontraŭ Sudrodezio kaj Sudafriko kaj malebligon de la ekonomia, politika kaj milita subtenoj de la rasismaj reĝimoj flanke de okcidentaj monopoloj kaj konzernoj. La konferenco kondamnis la kreskantajn rilatojn inter la cionismj rondoj de Israelo kaj tiuj de Sudafriko. Oni krome kun bedaŭro rigardas la pli ol 30-jaran tragedion de la palestina popolo kaj esprimis sian fortan maltrankvilon pri multaj neofaŝismaj organizaĵoj kaj ties kreskantaj aktivecoj en okcidentaj landoj.

La ampleksegaj diskutoj ankaŭ montris la hipokritecon ekzemple de la usona registaro, tiom zorganta pri la homaj rajtoj en aliaj landoj sed ne solvanta elementajn taskojn ĉi-rilate en la propra. Sian kernon la rasismo, tion la debatoj ankaŭ montris, trovas en la socialekonomiaj radikoj de kapitalismo. La socialismaj landoj, inter ili Germana Demokratia Respubliko, forigint tiujn sociajn radikojn, apartenas al la plej firmaj aliancanoj en la batalo kontraŭ tiu honto de la 20a jarcento: la rasismo. Ĉiu esperantisto sendube ne povas fermi siajn okulojn antaŭ tiu honto kaj devus partopreni en tiu batalo. Bona bazo por tio estas la „Laborplano de UEA okaze de la jardeko de aktivado kontraŭbatali rasismon kaj rasan diskriminacion", kiu estis publikigita en „Esperanto" 5/74 kaj akceptita de la Komitato de UEA 1974 en Hamburg. La 59a UK krome akceptis specialan rezolucion kaj i. a. en tiu „esprimas sian plenan apogon al la planitaj agadoj de Unuiĝintaj Nacioj kaj UNESKO por la Jardeko de Aktivado por kontraŭbatali Rasismon kaj Rasan Diskriminacion, bonvenigas la specialan laborplanon de Universala Esperanto-Asocio ... alvokas ĉiujn Esperanto-organizaĵoin al mondskala kunlaboro por efika plenumo de tiu laborplano de UEA".

La mondkonferenco de UN en Ĝenevo instigu nin rememori tiujn gravajn dokumentojn kaj agi laŭ ili.

La esperantistoj de GDR en la batalo kontraŭ rasismo ne laciĝos, ĉar ili vidas en tiu agado organikan elementon de sia tuta celado.

# Deklaracio pri la Rajtoj de la Infano

*Proklamita de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj la 20an de novembro 1959 (Rezolucio 1386 XIV de la Ĝenerala Asembleo).*

ANTAUPAROLO. **Ĉar** la popoloj de Unuiĝintaj Nacioj rekonfirmis, en la Ĉarto, sian kredon je la fundamentaj homaj rajtoj kaj je la digno kaj valoro de la homa personeco kaj decidis faciligi socian progreson kaj alstrebi pli altan vivnivelon en pli granda libereco.

**Ĉar** Unuiĝintaj Nacioj proklamis, en la Universala Deklaracio de Homaj Raitoj, ke ĉiuj rajtoj kaj liberecoj difinitaj en ĝi validas sen kia ajn diferencigo, ĉu laŭ raso, haŭtkoloro, sekso, lingvo, religio, politika aŭ alia opinio, nacia aŭ socia deveno, posedaĵoj, naskiĝo aŭ alia stato.

**Ĉar** la infano, pro sia korpa kaj mensa nematureco, bezonas apartajn ŝirmon kaj zorgon, inkluzive de taŭga jura protekto, kiel antaŭ tiel ankaŭ post la naskiĝo.

**Ĉar** la bezonon de tia aparta ŝirmo oni konstatis jam en la Ĝeneva Deklaracio de la Rajtoj de la Infano en 1924, kaj agnoskis en la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj kaj en la statutoj de specialigitaj institucioj kaj internaciaj organizaĵoj okupiĝantaj pri la bono de infanoj.

**Ĉar** la homaro ŝuldas al la infano la plej bonan kion ĝi povas doni.

**Nun do,**

**La Ĝenerala Asembleo**

**Proklamas ĉi tiun Deklaracion pri la Rajtoj de la Infano,** por ke ĝi havu feliĉan infanecon kaj ĝuu por sia propra bono kaj por la bono de la socio la rajtojn kaj liberecojn ĉi tie formulitajn, kaj alvokas al gepatroj, al viroj kaj virinoj unuope, kaj al volontulaj organizaĵoj, lokaj instancoj kaj naciaj registaroj, kè ili agnosku ĉi tiujn rajtojn kaj strebu, por efektivigi ilin pere de leĝofaraj kaj aliaj paŝoj laŭgrade farendaj laŭ la jenaj principoj:

**Principo 1.** La infano devas ĝui ĉiujn rajtojn formulitajn en ĉi tiu Deklaracio. Ĉiu infano, sen ia ajn escepto, posedas ĉi tiujn rajtojn, sen distingo aŭ diskriminacio pro la raso, haŭtkoloro, sekso, lingvo, religio, politika aŭ alia opinio, nacia aŭ socia deveno, posedaĵo, naskiĝo aŭ alia stato, ĉu propra aŭ familia.

**Principo 2:** La infano devas ĝui apartan protekton, kaj oni donu al ĝi, leĝe kaj per aliaj rimedoj, eblecojn kaj facilecojn, kiuj kapabligos ĝin evolui korpe, mense, morale, spirite kaj socie en sana kaj normala maniero kaj sub kondiĉoj de libereco kaj digno. Ĉe la farado de tiucelaj leĝoj, la plej bonaj interesoj de la infano estu la plej grava konsidero.

**Principo 3.** La infano havas rajtojn ekde la naskiĝo je nomo kaj ŝtataneco.

**Principo 4.** La infano devas ĝui la avantaĝojn de la sociala sekureco. Ĝi havu la eblecon kreski kaj evolui sane; por ĉi tiu celo oni donu apartajn zorgon kaj protekton tiel al ĝi, kiel al ĝia patrino, inkluzive de adekvata antaŭnaska kaj postnaska zorgo. La infano havas rajton je adekvataj nutro, loĝo, amuzo kaj medicinaj servoj.

**Principo 5.** La infano, kiu suferas korpajn, mensajn aŭ sociajn malavantaĝojn, ricevu la apartajn kuracon, edukon kaj zorgon postulatajn de ĝia specifa kondiĉo.

**Principo 6.** La infano, por la plena kaj harmonia evoluo de sia personeco, bezonas amon kaj komprenon. Ĝi kresku, kie eble, sub la zorgo kaj la respondeco de siaj gepatroj, kaj ĉiuokaze, en etoso de amo kaj de morala kaj materia sekureco. Infanon en tenera aĝo oni krom en esceptaj cirkonstancoj ne disigu de ĝia patrino. La socio kaj la publikaj instancoj havas la devon aparte zorgi pri infanoj sen familio kaj pri tiuj sen adekvataj vivrimedoj. Ŝtata subvenciado kaj alia helpado al la subteno de infanoj en grandaj familioj estas dezirindaj.

**Principo 7.** La infano rajtas ricevi edukon, kiu estu senpaga kaj deviga, almenaŭ en la elementaj stadioj. Oni donu al ĝi edukadon, kiu antaŭenigos ĝian ĝeneralan kulturon, kaj kapabligos ĝin, surbaze de egalaj ŝancoj, disvolvi siajn kapablojn, sian individuan juĝipovon kaj sian senton de morala kaj socia respondeco, kaj fariĝi utila ano de la socio.
La plej bonaj interesoj de la infano estu la gvida principo por tiuj, kiuj respondecas pri ĝiaj eduko kaj gvidado; tiu respondeco apartenas unuavice al ĝiaj gepatroj.
La infano havu plenan eblecon por ludado kaj amuziĝo, kiuj estu direktataj al la samaj celoj, kiel la eduko; la socio kaj la publikaj instancoj klopodu faciligi la ĝuadon de ĉi tiu rajto.

**Principo 8.** La infano estu en ĉiuj cirkonstancoj inter la unuaj, kiuj rajtas je protekto kaj krizhelpo.

**Principo 9.** La infanon oni protektu kontraŭ ĉiuj formoj de neglekto, krueleco kaj ekspluato. Ĝi neniel estu komerca objekto. La infano ne havu aliron al dungiĝo antaŭ taŭga minimuma aĝo; oni neniel igu ĝin aŭ permesu al ĝi entrepreni iun ajn okupon aŭ profesion, kiu malutilus al ĝia sano aŭ edukiĝo, aŭ malhelpus ĝian korpan, mensan aŭ moralan disvolviĝon.

**Principo 10.** La infanon oni protektu kontraŭ praktikoj, kiuj povas stimuli rasan, religian aŭ iun ajn aliforman diskriminacion. Ĝi grandiĝu en etoso de kompreniĝo, toleremo, amikeco inter popoloj, paco kaj universala frateco, kaj en la plena konscio, ke ĝiaj energio kaj talentoj devus dediĉiĝi al la servado al ĝiaj kunhomoj.

## Kuba Esperanto-Asocio

**Jen nova granda sukceso en la internacia Esperanto-movado. La 16an de junio 1979 fondiĝis en la ĉefurbo de la socialisma Kubo, en Havano, Kuba Esperanto-Asocio. En la statuto de la asocio estas substrekita la aktiva partopreno de la membroj en la konstruado de la socialismo en Kubo kaj por la plifaciligo de la internacia komunikado pere de helpa lingvo.**

*(Laŭ ADN-informo de 22. 6. 1979)*

**Okaze de la Internacia Jaro de la Infano**

## *PACO*

*Pli vigle ekludas la bestoj,*
*Ĉielo plihelas somere,*
*Por birdoj ne mankas la nestoj*
*Dum Paco regadas surtere.*

*Pli gajajn gepatrojn ni havas,*
*En novaj lernejoj, mistere,*
*L'instruo pli dolĉe nin ravas*
*Dum Paco regadas surtere.*

*Abundas rikolt' en kamparo*
*Kaj manoj konstruas fiere,*
*Pli supren altiĝas la faro*
*Dum Paco regadas surtere.*

*Adaptita laŭ rumana porinfana poeziaĵo,*
*de Tudor Denektin'*
*13. III. 1979*

---

## El Rumanio

Ĉiam pli ofte en Rumanio aperas artikoloj pri Esperanto en la gazetaro. Tiel i. a. en la germanligva gazeto „Karpaten Rundschau" (Karpata Revuo) el Braŝov, la 12. 1. 79 kaj en „Forum studentesc", Timisoara, 10. 11. 78. En la tutrespublika gazeto „Scinteii", 27. 1. 79, aperis informo pri „Lingvistika jubileo", temas pri la 90-jariĝo de Esperanto.

Interesa estas la ampleksega artikolo de d-ro Hans Gehl en „Karpaten Rundschau" pri la temo „Ĉu venos mondlingvo?" La artikolo tre bone argumentas, ke ekzistas akriĝanta lingvoproblemo kaj informas pri la diversaj proponoj solvi ĝin. Karakterizante kelkajn planlingvojn Gehl donas ĝenerale ĝustajn indikojn pri Esperanto. Tamen liaj konkludoj estas iom strangaj. Gehl skribas ke „tamen renomaj sciencistoj kaj lingvistoj kiel Eugen Wüster, Alexandr Graur aŭ M. Malita ne vidas Esperanton kiel estontan mondligvon", kaj plue raportas pri la „terminologia ŝlosilo" de Eugen Wüster. Pri Wüster mi skribis en „Esperanto" 2/79.

Tute malprave d-ro Gehl fine mencias IALA, kiu ĉesis ekzisti en 1951 kaj kies antaŭlaboroj ne resumiĝis en la semiplanlingvo de Gode „Interlingua".

*D. B.*



## *Pri la Stato kaj pliefikigo de Laboro de Sovetiaj Esperantistoj kaj plibonigo de iliaj Internaciaj ligoj*

**(El la raporto de prof. d-ro Mahomet ISAJEV en la Fonda Konferenco de la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj. Moskvo, marto 1979)**

Hodiaŭ estas fondata la nova socia organizaĵo -Asocio de Sovetiaj Esperantistoj. Ĉi-tage ni devas prilumi la staton de nia laboro, pridiskuti la ekzistantajn problemojn kaj skizi vojojn por pliefikigo de nia laboro en la lukto por paco, internacia kunlaboro, por vastigo de la kontaktoj.

En Soveta Unio ĉiam estis artibuata granda signifo al soci-politika aktiveco de la laboruloj en la sfero de internaciaj ligoj, al starigo de iliaj kontaktoj kun sociaktivularo de aliaj landoj, al agado de la sociaj organizaĵoj en tiu sfero.

Pli ol 50 milionoj da nialandaj civitanoj partoprenas la agadon de sovetiaj societoj de amikeco, asocioj, sekcioj, respublikaj societoj de amikeco, iliaj filioj en urboj, fabrikoj kaj uzinoj, kolĥozoj, sovĥozoj, sciencaj kaj kulturaj institucioj.

Nuntempe Unio de Sovetiaj Societoj de Amikeco (SSOD) subtenas kontaktojn kun ok mil organizaĵoj kaj multaj agantoj en 140 landoj de la mondo. Sian kontribuon donas al la agado de SSOD ankaŭ la esperantistoj, ligitaj kun la Unio pere de la Komisiono pri Internaciaj Ligoj de Sovetiaj Esperantistoj, kreita en 1962.

Ĉe kreo de la Esperanto-komisiono ĉe SSOD antaŭ ĝi estis starigita la tasko: per starigo kaj evoluigo de kontaktoj kun eksterlandaj esperantistaj organizaĵoj kontribui al disvolvo kaj plifirmigo de amikeco, interkompreno kaj kultura kunlaboro inter la popoloj de Soveta Unio kaj eksteraj landoj.

Estas tute kompreneble, ke en la procezo de aktiva agado la amplekso de laboro de la Esperanto-komisiono daŭre kreskis. Ĝi inkluzivas starigon de kontaktoj kun progresemaj agantoj de la monda esperantista movado, ĉiujarajn vojaĝojn al tutmondaj esperantistaj kongresoj, aktivan partoprenon en la laboro de la Mondpaca Esperantista Movado (MEM), aliĝanca kun la Monda Packonsilantaro, renkontiĝojn kun eksterlandaj esperantistoj (gastoj de USSR).

La eldona agado de la lastaj jaroj estas karakterizebla per preparo kaj emisio de sufiĉe granda kvanto de libroj kaj revuoj. Inter ili aparte notindas: bulteno „Por la paco“ (12 eldonoj), revuo „Paco“-organo de la Mondpaca Esperantista Movado (4 numeroj), pluraj politikaj kaj literaturaj broŝuroj, entute 45 eldonaĵoj.

Krom la eldona produktaĵo de moskvaj esperantistoj, aperis pluraj eldonaĵoj en respublikoj.

Sovetiaj esperantistoj partoprenis preskaŭ ĉiujn Universalajn Kongresojn de la lastaj jaroj. La lastan 63-an Kongreson de Universala Esperanto-Asocio vizitis rekorda kvanto de sovetiaj esperantistoj — 105 personoj.

La delegitaro de sovetiaj esperantistoj, konsistinta el tri specialigitaj turismaj grupoj, estis en Bulgario de la 22-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto. Ĝi partoprenis renkontiĝojn kun aktivuloj de la Societo de Bulgara-Sovetia Amikeco kaj esperantistoj en la urboj Sofio, Plovdivo, Gabrovo kaj ankaŭ la Kongreson de UEA kaj konferencon de MEM ekde la 30-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto en Varno.

Dum la Kongreso okazis konversacioj kun la prezidanto de UEA, dum kiuj ĉeestis estraranoj de UEA. La gvidantaro de UEA alte taksis la partoprenon de la granda delegitaro de sovetiaj esperantistoj en la Kongreso. Ĝi esprimis pretecon pridiskuti konkretajn demandojn de plua kunlaboro kun sovetiaj esperantistoj.

La sovetiaj esperantistoj dank' al sia sukcesa kaj multjara laboro pruvis al la tuta mondo, ke ili ekzistas kaj sukcese agas, ke Esperanto en nia lando ne estas persekutata (kiel iuj ŝatus prezenti la staton de la afero). La esperantista movado estas nedisigeble ligita kun la scienco. Ne hazarde *E. K. Drezen* kaj aliaj aktivaj esperantistoj estis samtempe ankaŭ interlingvistoj-esperantologoj. Kaj hodiaŭ ni ne povas ne rememori nian unuan prezidanton kaj gvidanton de la sovetia interlingvistika skolo profesoron *E. A. Bokarev.*

Ni scias, ke Esperanto havas multajn adeptojn, sed ekzistas ankaŭ kontraŭuloj. Ĉe tio estas karakterize, ka la lastaj kutime havas pri la problemo treege malproksiman imagon. Kompreneble, tial ilia negativa rilato ne povas esti inde argumentita.

La interlingvistoj de nia lando komprenas la tutan komplikecon de solvado de la problemo pri internacia helpa lingvo. Ĉi tie en unu nodon kunplektiĝis faktoroj de plej diversaj specoj: politikaj, ekonomiaj, ideologiaj, sociologiaj, lingvistikaj. Tial por plej rapida kaj optimuma solvo de la problemoj de objektiva kaj subjektiva karakteroj ekstarantaj sur la vojo, necesas skrupula esplora laboro en ĉiuj menciitaj direktoj, necesas maksimuma kompreno kaj kunlaboro de sciencistoj de multaj najbaraj scifakoj.

Jam ĉirkaŭ dek jarojn ĉe scienca konsilantaro pri la kompleksa problemo „Leĝoj de evoluo de naciaj lingvoj lige kun evoluo de socialismaj nacioj" ekzistas Sekcio de Interlingvistiko. Dum ĝiaj kunsidoj estis pridiskutitaj kelkaj dekoj da prelegoj. Surbaze de ili estas eldonita la speciala kolekto „Problemoj de interlingvistiko". Estas preparita por presado la granda kolektiva laboro „Problemo de internacia helpa lingvo", en kiu estas prilumataj pluraj demandoj de teorio, historio, strukturo kaj lernometodiko de Esperanto.

La sovetiaj interlingvistoj en sia teoria kaj praktika agado devas baziĝi sur certaj principoj, kies ĉefa enhavo, laŭ nia opinio, konsistas el jeno.

*La interlingvistiko kiel scienca branĉo ĉe ni disvolviĝas sur la firma bazo de marksisma-leninisma metodologio kaj lenina nacilingva politiko. Baziĝante sur la marksisma-leninisma tezo pri plena egalrajteco de ĉiuj lingvoj, ni starigas la „artefaritan" helpan lingvon kontraŭ nek interpopolaj, nek tiel nomataj „mondaj", nek des pli naciaj lingvoj. Ne temas pri anstataŭigo de unuj per aliaj.*

Lige kun la neceso pridiskuti la ekzistantajn mankojn kaj rezervojn por plibonigo de la esperantista movado en Soveta Unio, la Organiza komitato de la Fonda Konferenco trovas celkonforma turni vian atenton ankoraŭ al jenaj momentoj.

1. Ankoraŭ ne ĉiuj esperantistoj konceptas klare la veran rolon kaj lokon de Esperanto en la nuntempa mondo. Ofte oni troigas la signifon de tiu lingvo en la socia evoluo.

Ankoraŭ kaj refoje indas emfazi, ke la lingvo Esperanto, same kiel ajna alia lingvo, estas ilo, ilo por komunikado. Per si mem ĝi portas nenian idean (en socia signifo de la vorto) ŝarĝon. Oni povas uzi ĝin tiel por bono, kiel por malbono. La plejmulto de sovetiaj esperantistoj kaj interlingvistoj antaŭe kaj nun baziĝis sur tiu fundamenta marksisma-leninisma difino de lingvo. Kaj en sia estonta agado la esperantistoj devas konstante memori pri tio, por ne allasi domaĝajn erarojn.

2. Multaj mankoj de la nuntempa esperantista movado estas kaŭzataj de ĝia neordigiteco. Ĝis nun ne ekzistis unueca tutsovetia organizaĵo.

La 27-a de decembro 1978 Buroo de Prezidiumo de SSOD, Sekretariaro de VCSPS[1]) kaj Sekretariaro de CK VILKSM[2]) akceptis decidon „Pri organizo de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (ASE)". Dum okazintaj post tio kunsidoj de la Organiza Komitato de la Fonda Konferenco estis aprobita la projekto de „Regularo de ASE", en kiu estas indikitaj la celoj kaj taskoj de la Asocio.

En centro de atento de la Esperanto-komisiono estis la demandoj de internaciaj ligoj de sovetiaj esperantistoj. Pri tiuj de la agado interne de la lando la Komisiono ne havis eblon okupiĝi. Kio koncernas ASE, do ĝi ampleksas la tutan komplekson de la problemoj, ligitaj kun la esperantista agado en Soveta Unio. El tio sekvas kaj la konsiderinda plivastigo de la funkcioj de ASE kompare kun la Komisiono, kaj la neceso uzi novajn formojn de laboro kun lokaj, respublikaj kaj aliaj grupoj, kun apartaj esperantistoj.

Kiel estas konate, la junaj esperantistoj por sia lingva praktiko kaj spertinterŝanĝo organizadis somerajn tendarojn. Evidente, la Estraro de ASE devas studi tiun sperton kaj daŭrigi la koncernan praktikon, levante ĝin sur pli altan organizan kaj soci-politikan ŝtupon.

La estraro de ASE emisios „Bultenon" kaj ĉiel kontribuos al preparo kaj publikigo de lernolibroj kaj lernhelpiloj. Endas nur deziri, ke la Estraro faru ĉion-ĉi kun necesa operativeco kaj kun plena konsidero de la bezonoj de la Esperanto-movado.

Kio koncernas la eldonon de Esperanto-literaturo ĉe ni, do ĝi devas esti plivastigita. Interalie estas planate ekeldoni revuon, daŭrigi publikigon de plej gravaj partiaj dokumentoj, kaj ankaŭ eldonadon de verkoj de elstaraj rusaj kaj sovetiaj verkistoj. Simila pliampleksigo de la organizaj formoj kaj metodoj devas kaŭzi ordigon de la tuta laboro de sovetiaj esperantistoj. Ĉe tio, krom SSOD, la Estraro de ASE devas sin apogi sur helpo kaj subteno flanke de sindikataj kaj komsomolaj organoj de diversaj niveloj. Nur tiukaze eblos plenumi tiujn taskojn — precipe interne de la lando, kiuj staras antaŭ ni en la nova etapo.

La Estraro de ASE devas zorge pripensi la strukturon de ne nur lokaj grupoj, sed ankaŭ de centraj sekcioj kaj komisionoj. Netaj organizaj formoj multe kontribuos al plenumo de la planataj taskoj kaj celoj. Ĉe tio necesas konsideri kaj uzi la tutan pozitivan sperton, kiun akumulis la antaŭa etapo de la Esperanto-movado. [1]) Sindikatoj [2]) Komsomolo

# DECIDO
## de la Tutsovetia Fonda Konferenco de la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (ASE)

Aŭskultinte kaj pridiskutinte la raporton pri la stato kaj rimedoj por plibonigo de la esperantista laboro en la lando kaj demandon pri fondo de la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (ASE), la Konferenco, reprezentanta Esperanto-klubojn kaj Esperanto-organizaĵojn de urboj, provincoj, regionoj, aŭtonomaj kaj uniaj respublikoj, aprobas la decidon de Unio de Sovetiaj Societoj de Amikeco kaj Kulturaj Ligoj kun Eksteraj Landoj (SSOD), Tutsovetia Centra Konsilantaro de Profesiaj Sindikatoj (VCSPS) kaj Centra Komitato de Tutsovetia Lenina Komunista Junulara Uniuĝo (CK VLKSM) pri kreo de la Asocio kaj akceptas ĝin kiel esprimon de zorgo kaj helpo pri ordigo kaj evoluigo de la Esperanto-movado en nia lando.

Ĝenerala sekretario de CK KPSU Prezidanto de Prezidiumo de Supera Soveto de USSR, kamarado L. I. Breĵnev, plurfoje substrekis la grandegan signifon de la fortoj de sociaktivularo en solvo de gravaj internaciaj problemoj. La sovetiaj esperantistoj opinias sia unuaranga devo aktive partopreni, kune kun vastaj rondoj de la sovetia sociaktivularo, en la nobla lukto por ĉiurimeda larĝigo de la fronto de pacadeptoj. Ni konsideras la internacian helpan lingvon Esperanto kiel unu el iloj por disvastigi la veron pri nia soveta realeco, pri evoluo de ekonomio, scienco kaj kulturo en USSR pri la interna kaj ekstera politiko de nia ŝtato kaj disvastigi la ideojn de interkompreno, kunlaboro kaj interpopola amikeco, malstreĉiĝo de la internacia tensio, tutmonda paco. Esperanto devas helpi al la sovetiaj esperantistoj pri konatiĝo kun la vivo, laboro, kulturo, sociaj problemoj de laboruloj en eksteraj landoj, plifirmigi la aferon de internaciismo. La decido pri kreo de la Asocio metas sur nin altan respondecon kaj devigas ne nur vastigi, sed ankaŭ profundigi nian agadon en la sfero de evoluigo kaj firmigo de la internaciaj ligoj, fari ilin pli efikaj.

*Dekretante la fondon de la Asocio de sovetiaj esperantistoj, la Konferenco* **DECIDAS:**

1. Konsideri ĉefa tasko de la Asocio kaj ĝin enirantaj esperantistaj organizaĵoj partopreni, helpe de la lingvo Esperanto, en firmigo de amikeco kaj evoluigo de kulturaj ligoj de la sovetia popolo kun popoloj de eksteraj landoj por interesoj de firma paco, sekureco kaj kunlaboro; helpi al esperantistoj pri studado aŭ profundigo de scioj de la lingvo Esperanto; eduki ĉe la sovetiaj esperantistoj la sentojn de patriotismo kaj internaciismo, nekompromisemo al reakcia ideologio, al faŝismo, koloniismo, rasa diskriminacio kaj socia maljusto. La Asocio kontribuos al evoluigo de la internaciaj ligoj de sovetiaj esperantistoj kaj kunordigos la agadon de lokaj Esperanto-organizaĵoj en la interna kaj internacia sferoj.

2. Proponi al la Estraro de la Asocio en laŭeble nelonga tempo, en intima kontakto kun la sindikataj kaj komsomolaj organizaĵoj, efektivigi laboron pri ordigo de antaŭviditaj en la Regularo lokaj organizaĵoj (kluboj, rondetoj, urboj, provincaj, regionaj kaj respublikaj filioj aŭ Asocioj) por altiri

ilin al aktiva laboro pri vastigo kaj firmigo de la internaciaj ligoj kun eksterlandaj esperantistoj en la komuna lukto por interkompreno, malstreĉiĝo, malarmado kaj tutmonda paco. Dum 6 monatoj ellabori kaj konfirmi tipan regularon pri Esperanto-klubo.

3. Por pli efika organizo de laboro rekomendi al la Estraro krei specialigitajn sekciojn aŭ komisionojn (organiz-amasan, pri internaciaj ligoj, pri gazetaro kaj informado, pri akcepto kaj helpo al eksterlandaj esperantistoj-turistoj, junularan, virinan k. a.)

Komisii gvidon de la sekcioj kaj komisionoj al spertaj kaj kvalifikitaj aktivuloj-esperantistoj.

4. Komisii al la Estraro peti ĉe SSOD, VCSPS kaj CK VLKSM prepari la demandon pri establo de eldonado de soci-politika kaj literatur-belarta revuo en Esperanto kaj informa bulteno de la Asocio en la rusa lingvo kaj ankaŭ pri eldonado de lerniloj, soci-politika kaj belarta literaturo en Esperanto. Starigi kontakton kun administrejoj pri rimedoj de amasa informado (preso, agentejo APN, Ŝtata komitato pri televido kaj radio) por prilumadi la agadon de la Asocio kaj utiligi Esperanton el la vidpunkto de ASE.

5. Rekomendi al la Estraro evoluigi kontaktojn kun internaciaj esperantistaj organizaĵoj tiel universalkarakteraj (UEA, TEJO), kiel fakaj kaj naciaj. Entrepreni rimedojn por garantii aktivan partoprenon de la Asocio en la 64-a Kongreso de UEA kaj 35-a Kongreso de TEJO kaj studi la demandon pri kunlaboro kun tiuj organizaĵoj.

6. La Estraro kaj lokaj organizaĵoj aktive partoprenu la laboron de MEM.

7. Praktiki pli vastajn interŝanĝojn kun Esperanto-organizaĵoj de socialismaj landoj, uzi por realigo de ligoj kaj kontaktoj kanalojn de specialigita turismo, interŝanĝo de literaturo ktp.

8. Komisii al la Estraro ekkontakti koncernajn organizaĵojn por garantii aktivan organizatan partoprenon de sovetiaj esperantistoj en gravaj socipolitikaj aranĝoj de proksimaj jaroj (efektivigo de la Jaro de Infano, Olimpiko-80 k.a.)

9. Proponi al la Estraro de la Asocio ĉe ellaboro de planoj por praktika laboro konsideri la sugestojn, prezentitajn de delegitoj dum la laboro de la Konferenco kaj entrepreni rimedojn por ties realigo.

La Konferenco alvokas ĉiujn sovetiajn esperantistojn aktive partopreni laboron de la Asocio, kiu devas esti farata sub signo de firmigo de la internacia solidareco de laboruloj en lukto por paco, amikeco, libero, egaleco, frateco kaj feliĉo de ĉiuj popoloj.

---

La Konferenco certigas, ke la sovetiaj esperantistoj, kiel unu el taĉmentoj de sovetia sociaktivularo, kune kun la sovetia popolo subtenados kaj realigados la internan kaj eksteran politikon de Soveta Ŝtato, KPSU, Politburoo de CK de nia partio frunte kun kamarado L. I. Breĵnev.

## Iamaj GLEA-membroj renkontiĝis

La duan fojon CLE organizis renkontiĝon de iamaj membroj de Germana Laborista Esperanto-Asocio (GLEA). 42 gekamaradoj rerenkontiĝis la 30-an kaj 31an de majo 1979 en Karl-Marx-Stadt. Por kelkaj ĝi estis revido post dekoj de jaroj. Melfermante la renkontiĝon, la vicprezidanto de CLE, *Ludwig Schödl,* emfazis la vivantecon de la idealoj kaj tradicioj de la revolucia germana laborista Esperanto-movado en la nuna agado de la esperantistoj, organizitaj en Kulturligo de GDR.

Kompreneble la ĉefa celo de la aranĝo estis ĝuste, doni al niaj veteranoj la eblecon rerenkontiĝi. Interesaj programeroj aldone certigis multflankan kaj enhave pliriĉigan pason de la kunveno.*Werner Habicht* el Waltershausen kaptis la atenton montrante interesajn diapozitivojn el la esperantista laboristmovada agado de la 20aj kaj 30aj jaroj. La prezidanto de DLE Karl-Marx-Stadt kaj membro de la prezidio de CLE, *Hans Heinel,* post komuna rigardo de la filmo „Kvar ĉapitroj GDR", substrekis la rolon de Karl-Marx-Stadt (la iama Chemnitz) en la klasbatalo de la pasinteco kaj rememorigis pri la tradicioj de la iama LEA-distrikto Erzgebirge/ Vogtland.

En la centro de la programo staris la Esperantista movado en Sovetunio. Pri ties gloraj tradicioj parolis *Ludwig Schödl.* Ĉiuj partoprenantoj varme aplaŭdis la fondon de la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (ASE) kaj atente sekvis la detalajn informojn de *d-ro Detlev Blanke* pri la postmilita agado de sovetuniaj esperantistoj pri la fonda kongreso de ASE (vidu paĝojn 6-10) kaj pri la tie alprenitaj gravaj decidoj.

Sonbenda revuo kun la voĉoj de meritplenaj komunistoj-veteranoj de la internacia Esperanto-movado, *Rudi Graetz, Willi Vildebrand, Otto Bäßler, E. D. Bokarev, S. N. Podkaminer, Bill Keable, A. Grigorov, N. Aleksiev, Ĥ Gorov kaj Ngyen van Kinh* finis la renkontiĝon. En sia ferma parolado *Hans Heinel* prave akcentis pri la mirinda spirita freŝeco kaj sindona agado de la iamaj laboristaj esperantistoj, pri ilia politika engaĝemo por la 30jara GDR, por la idealoj de la internaciismo kaj komunismo. Esperanto por ili estis tiu mirinda instrumento doninta al la politika klasbatala aktivado internacian dimension.

1980 CLE organizos la 3-an renkontiĝon. Iamaj membroj de LEA, vivantaj sur la teritorio de GDR, kiuj ne ricevis invitilon al la unua kaj dua renkontiĝoj, estas petataj kontakti CLE.

---

**Pola Radio en Esperanto: 20jara**

La 4an de aprilo 1959 unuan fojon eksonis tra la antenoj de Pola Radio en Varsovio: „Parolas Varsovio — naskiĝurbo de Esperanto". Ekde tio pasis 20 jaroj, kaj ĉiutage la samaj vortoj ripetiĝas, enkondukintaj variajn kaj altvalorajn elsendaĵojn. Tio estas absoluta rekordo en la 90jara historio de Esperanto. La jubileo instigu la aŭskultantojn 1. sendi siajn rememorojn pri la 20jara aŭskultado, 2. sendi siajn impresojn kaj rimarkojn pri la valoro de Esperanto kiel radiolingvo por vasta diverslanda informo ĝenerale kaj tutspeciale pri la patrio de Esperanto, Pollando.

Jen la adreso de la redakcio: Pola Radio, Esperanto-Redakcio, pk. 46, PL-00-950 Warszawa.

*(Laŭ „Heroldo" 4-5/79)*

## Zum GLEA-Treffen

Inzwischen ist schon wieder einige Zeit nach der Begegnung der Veteranen der proletarischen Bewegung in Karl-Marx-Stadt vergangen. Dieses Treffen, so meine ich, ist recht erfolgreich verlaufen. Es ist mir daher ein aufrichtiges Bedürfnis, den Initiatoren im Zentralen Arbeitskreis, aber auch den Mitstreitern in Karl-Marx-Stadt, meine höchste Anerkennung und meinen Dank auszusprechen. Es wurde auch hier wieder deutlich, daß alle diejenigen, die in früheren Jahren für die Ideale des Aufbaus des Sozialismus gearbeitet und gestrebt haben, bis ins hohe Alter geachtet sind und auf ihre Erfahrungen nicht verzichtet werden kann. Es gab in den Diskussionsrunden viele gute verwertbare Anregungen aus der Arbeit der früheren Zeit, die wir auch heute noch, wenngleich auch übertragen auf unsere Gegenwart, gut umsetzen können. Immer wieder fazinierend sind die Ausführungen des Gen. Heinel. Auch ihm sei ein Dankeschön gesagt. Eine Schlußfolgerung aus diesen Zusammenkünften müßte es nun sein, mehr denn je die alten Traditionen der Arbeiter-Bewegung für die aktuelle Arbeit zu nutzen.

Wenn nun fast im gleichen Zeitraum die Gründung des „Bundes Sowjetischer Esperantisten" erfolgte, dann denke ich, sollte uns das auch Ansporn sein, unsere Möglichkeiten höherer Effektivität unserer Esperantoarbeit zu durchdenken und die Basis im Kulturbund zu verbreitern.

*Werner Plate, Rostock*

## 8-a plenkunsido de CLE

Grandaj afiŝbretoj en la stacidomo kaj antaŭ la hotelo atentigis pri la plenkunsido de CLE, kiu okazis la 4an kaj 5an de majo 1979, ĉifoje en la apudlima urbo Frankfurt/Oder.

La tagordo, kiel kutime, traktis esencajn demandojn de la agado de la esperantistoj en GDR. Krom multaj raportoj (i. a. pri la XIIa Konsultiĝo, seminarioj kaj aranĝoj de la distriktoj) kaj informoj oni pli detale traktis pri problemoj de la trovo, eduko kaj kvalikado de esperantistaj funkciuloj (d-ro D. Blanke), pri junulara agado (M. Lennartz) kaj aktualaj problemoj de la internacia Esperanto-movado (d-ro D. Blanke).

Tre grava ankaŭ estis la provo de CLE jam nun plani la ĉefan agadon por 1980. Ĉiuj Distriktaj Laborrondoj estas alvokitaj informi CLE pri iliaj ĉefaj planitaj aktivecoj (internaciaj aranĝoj, seminarioj, eldonaĵoj k. s.), precipe se ili havas gravecon por la tutlanda agado en GDR.

La 5an de majo la Distrikta Laborrondo Esperanto en Frankfurt/Oder kunvenigis pli ol 20 esperantistojn al malgranda renkontiĝo kun membroj de CLE. Post la prezento de la esperantlingva filmo „Kvar ĉapitroj GDR" ekestis utila diskuto pri aktualaj problemoj de la distrikta, enlanda kaj internacia agadoj.

## Responde al la tezoj

D-ro J. Leyk publikigis en „de“ n-ro 6/1978 (92) tezojn pri la E-movado kaj sciencaj esploroj. Pri tiuj mi volas ĉi-sube respondi:

1. „Sciencaj esploroj . . . tre longe stagnis, . . . tamen en la lastaj dek jaroj . . . socie la temo pligraviĝas.“ (Mi tre strikte mallongigas la citojn kaj redonas la esencon. — ML) Nu, ŝajnas al mi ke la sciencaj esploroj pri internacia lingva komunikado ne nur stagnis sed preskaŭ ne estis. Tio havas konkretajn kaŭzojn (komplika politika situacio, konsiderinda sektemo en la ĉefaj movadaj fluoj, relativa malforteco de la progresivaj fortoj . . .). Nur post kiam oni ligis la problemaron pri la internacia lingvo kun aliaj, por nia hodiaŭa tempo pli gravaj problemoj kaj esploroj (batalo por paco, kibernetiko, propedeŭtiko . . .), la sciencaj esploroj menciinde progresis.

2. „Kontribuon al la scienca pritrakto . . . donas ankaŭ la nunaj esplorcentroj formale neligitaj kun E-movadoj organizaĵoj . . .“

   Bedaŭrinde d-ro Leyk ne nomas iun tian centron. La esprimo „formale ne ligitaj“ eldiras nenion. Ĝi nur komprenigas, ke ili ne estas jura parto de tia organizaĵo. Persone en la esplorcentroj agas la samaj aŭtoritatuloj kiel en la organizaĵoj. Do plej ofte la stimulado kaj iomete ankaŭ la direktado de la esploroj devenas el la E-organizaĵoj.

3. „La motora celo de la E-organizaĵoj . . . estas establi . . .Esperanto-komunumon“. S-ro Leyk ne difinas tiun „komunumon“. Konjekte ĝi ampleksas la asociigitan E-movadon. Kun tiu tezo mi tute ne konsentas. Unue tiu „komunumo“ elvokas ĉe mi la ideon pri la „granda E-familio“, pri interna ideo, E-to kiel aŭtomata amikigilo. Due la taskoj de UEA unuflanke kaj la naciaj organizaĵoj aliflanke kelkfoje estas diversaj. La naciaj E-asocioj havas ĉefe enlandan taskon disvastigi Esperanton naciskale (diskonatigi la landon, varbi novajn membrojn, eduki gvidantojn . . .), male UEA certasence ankaŭ reprezentas la Esperanto-movadon en internacia kadro kiel funkciantan modelon de unulingva internacia komunikada sistemo kaj tiel ion similan al mondvaste realigata scienca eksperimento.

4. La aŭtoro diras ke „scienca esplorado karakteriziĝas per . . . aperteco en siaj konkludoj. Sen kritiko kaj kontraŭtezoj la scienco ne povas progresi“. Tio estas ĝusta nur parte. Dogmoj ne havas ekzistorajton en la scienco. Tiom prave. Sed scienca rondo ne estas sin memkontentiganta diskuta klubo. Ĉiuj sciencaj elpaŝoj bezonas fundamenton: kolektadon de faktoj, ties sistemigadon kaj komparadon, dialektikan enordigadon . . . Plue la aŭtoro diras „. . . la komunumo decidas . . .“ Ne, la komunumo ne decidas. Ĝi ne havas instrumenton por decidi pri sciencaj esploroj, mitoj, aŭtoroj, akuzoj aŭ io ajn. La „komunumo“, do la movado aŭ la asocioj, ne estas homogena, ĝi konsistas el amaso da plej diversaj homoj kun diversaj spertoj, opinioj, konceptoj . . . Decidas finfine la socio, en kiu la esperantistoj vivas, tiu decidas laŭ la bezonoj kaj sociaj leĝoj, kun kiuj ĉiuj sciencistoj devus esti konatigitaj.

